


1923
APRILO
NUMERO 4 (7)
DUA
JARO

# LITERATURA MONDO

RESPONDA REDAKTORO:
D^RO TEODORO SCHWARTZ
REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, D^RO KOLOMANO DE KALOCSAY
PAŬLO DE LENGYEL
PAŬLO BALKÁNYI ADALBERTO BAYER
SEKRETARIO: ENDRE HEVESI

★

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO:
BUDAPEST, VI, ANDRÁSSY-UT 81

PRESITA: GLOBUS PRESARTINSTITUTO A. G.

NIA KUNLABORANTARO:

**LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HILDA DRESEN (TALLIN), DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN (BUDAPEST), F. E. HAINE (BRUXELLES), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), EMMA H. OSMOND (LONDON), DRO EMIL PFEFFER (WIEN), PETRO STOJAN (KIŜINAŬ), M. SOLOVJEV (SKOPLJE) DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), JULIO WERNER**

# *POR ĈIU!* S. O. S. *POR ĈIU!*

Duonjaro pasis depost la ekiro de nia revuo. Eble do estas jam tempo ke ni parolu iom pri niaj ĝisnunaj spertoj, pri nia situacio, pri niaj perspektivoj. Ni mensogus dirante ke niaj revoj efektiviĝis. Ni imagis iel tiamaniere, ke Esperanto, kieś evoluo dependas nepre de ĝia literaturo, certe bezonas literaturan gazeton, kie la boneco de la stilo estas garantiita per zorga kontrolo kaj laboro de kompetenta redakta komitato, gazeton, kiu per sia aspekto inde reprezentas nian lingvon kaj kiu tial estas unu el la plej bonaj propagandiloj. Sekve ni opiniis, ke la afero de nia gazeto estas komuna Esperanta afero, ke la ekzisto de nia gazeto estas grava gajno, ĝia malapero estus grava perdo por nia movado. En ĉi tiu nia opinio firmigis nin la leteroj de eminentaj kaj klarvidaj samideanoj, laŭdantaj la revuon kelkfoje kun vera kortuŝiteco kaj entuziasmo. Kaj la abonantaro de nia gazeto certe kreskus multe pli rapide, se ne malhelpus ĝin indiferenteco ĝuste de la parto de le oficiala Esperanta vivo kaj de la parto de la Esperantaj gazetoj. Ĉi tiu indiferenteco multfoje jam tuŝas la limojn de la malbonvolo. Ni ne volas citi nomojn. Sed, konsiderante la ne privatan, sed komunan gravon de la afero, ĉu ne estas strange ke oni apenaŭ citas, kelkaj gravaj gazetoj tute ne citas nian revuon eĉ inter la ricevitaj gazetoj. Kaj ni apenaŭ, aŭ eble tute ne legis kritikon, kiu povus konjektigi al iu, kiom diferencas nia revuo de la aliaj malgravaj folietoj, kiuj estas tie vaste pritraktitaj. — Ĉion ĉi tion ni ne diris por akuzi. Niaj abonantoj konas la revuon, nur ilin ni volas atentigi jene pri tio ke la sorto de nia revuo kuŝas en ilia mano. Se ili ŝatas la revuon, propagandu ĝin, disvastigu, abonigu ĝin, ĉar la jaro, por kiu ni havas la certan subtenon de la eldonanto, ne dauros eterne, kaj tiam la revuo devas ekiri sur propraj piedoj.

☞ *Ni nepre bezonas ĝis tiam la duoblon de la nunaj abonantoj.* ☜

Kaj la rezulton de la propagando ĝuos la abonantoj mem. Nia entrepreno estas pure altruista, la tutan profiton ĝi donos por la plibeligo kaj pliampleksigo de la gazeto.

LA REDAKTA KOMITATO.

## REDAKTA ANGULO

Ni ne povas ne mencii ĝoje, ke la unuan premion de *la Internaciaj Floraj Ludoj* en Manresa gajnis ĉi jare nia kara kolego Julio Baghy.

Detalan raporton kaj eble ankaŭ kelkajn premiitajn verkojn ni esperas publikigi en la proksima numero.

*

Nia ĉefa klopodo estas la kiel eble plej granda *internacieco* de la revuo. Sed ĉi tiun celon ni povas atingi nur per la helpo de nia kunlaborantaro. Ĉiuj niaj rubrikoj estas je ilia dispono. Granda ĝojo estus por ni numero, en kiu neniu redakta komitatano havus eĉ unu streketon.

Ĉi tiu celo estas atingebla, se oni sendas al ni multan materialon, se oni tradukas por ni nur valorajn verkojn, se oni elektas verkojn plej diverstemajn, diverstonajn, divershumorajn. Estas neeble plenigi la revuon nur per fabeloj aŭ nur per poemoj en prozo, eĉ se ili estas la plej belaj.

Precipe mankas al ni interesaj noveloj kun forta karakterizo kaj frapanta tem-plekto. Ni pensas novelojn laŭ maniero de *Maupassant*. Same ni volus doni ankaŭ al la rido ĝiajn rajtojn. La *Mondliteratura Observo* povus evolui fidela spegulo de la tutmonda literatura vivo. La *Binoklo* ankaŭ atendas la okulumantojn.

Ion ankoraŭ. Ĉe kelkaj tradukoj, kiujn ni povis kontroli per la originalo, ni trovis tro liberan tradukon, kelkfoje preskaŭ nur la enhavon de la originala frazo. Laŭ nia opinio oni devas esti pli fidela. Prefere kelkaj naciismoj (kiujn ja ni, kiel alilingvanoj, nepre rimarkos kaj elsarkos) ol — pro timo al ili — tro seka, plata, sengusta, pala, kvazaŭ skiza traduko.

# LA CELOJ DE LA MUZIKARTO*)

FERRUCCIO BUSONI

Absoluta muziko! Tio, kion ĉi tiu ideo signifas por la regulfaristoj, estas en la muziko eble plej malproksime de la Absoluto. La „absoluta muziko" estas nur ludo kun la formo, sen ia poezia programo, la formo havas en ĝi la ĉefan rolon. Sed ĝuste la formo estas tio, kio ne estas akordigebla kun la ideo de la absoluta muziko, ĉar ĉi tiu ja havas parton el dia propraĵo, el tio, ke ĝi ŝvebas kaj estas libera de la katenoj de l' materio. Sur bildo la figurado de la sunsubiro finiĝas ĉe la kadroj, ni difinas limojn por la senlima naturfenomeno; la formo de nubo estas sur la bildo senŝanĝe por ĉiam. La muziko povas esti serena aŭ povas havi malhelan, malserenan humoron kaj ĝi povas forflugi kiel la spiro, kiel la ĉiela fenomeno mem, kaj la kreantan muzikiston la instinkto instigas por ke li uzu tiujn sonojn, kiuj en la animo de la homo vibrigas la samajn kordojn, vekas la samajn eĥojn, kiujn la fenomenoj de la naturo.

Kaj ĝuste kontraŭe al ĉi tio, la absoluta muziko de la hodiaŭo impresas nin per ia sobreco, memorigas nin pri notteniloj starigitaj en bela kaj bonorda vico, pri rilato de dominanto kaj toniko, pri ellaboritaj temoj, pri kodo, ktp.

Mi aŭdas, ke la dua violonisto klopodas, unu kvarton pli profunde, sekvi la unuan violoniston; mi vidas, ke oni faras sencelan fortostreĉon por veni fine tien, kie oni komence estis. Ĉi tiun muzikon propre oni devus nomi arĥitekta aŭ simetria, dividita muziko; ĝi estiĝis tiel, ke certaj muzikistoj fandis la manifestiĝon de sia spirito, siajn sentojn en tian formon, kiu al ili aŭ al ilia epoko estis la plej konforma. Poste la regulfaristoj la spiritan manifestiĝon, senton, individuecon de la respektiva komponisto kaj la epokon, kies naskitoj ili estis, identigis kun la simetria muziko kaj — ĉar la spiriton, la senton, la epokon revivigi ili ne povis — ili konservis la formon kiel simbolon kaj ĝin faris defendŝildo kaj dogmo.

La komponistoj serĉis formon kaj rimedon por esprimi siajn pensojn, ili trovis *tiam tiun* formon la plej taŭga; ili mem jam malaperis — kaj la regulfaristoj trovis kaj fidele gardas la vestojn de *Euphorion,* postrestintajn sur tero.

Ĉu ne estas strange, ke oni postulas de la komponisto originalecon en ĉio, sed oni ĝin malpermesas al li en la formo? Tiamaniere ne estas mirige, ke oni diras lian verkon „senforma", kiam li volas esti vere originala. *Mozart!* La esploriston, la serĉanton de la eterna problemo de l' formo, la infankoran grandan homon, *tiun* ni admiras, kaj ne liajn tonikojn, dominantojn, ellaborojn, kodojn!

Tia deziro de l' liberigo plenigis ankaŭ la animon de Beethoven, de la granda revoluciulo, kiu relevis la muzikon per malgranda paŝo al sia pli alta natursfero; per malgranda paŝo rilate al la grandega tasko, sed per mejla distanco rilate al sia propra vojo. La plene absolutan muzikon ankaŭ li ne atingis, sed li konjektis ĝin en siaj inspiraj momentoj, kiel ekzemple en la introdukcio de la fugo de l' *Hammerklavier*-sonato. La komponistoj, ankaŭ cetere, pleje trafis la esencon de la muziko en siaj enkondukaj kaj kunligantaj temoj (preludo, transiraj partoj), kie ili opiniis, ke ili povas preterlasi la regulojn de la simetrio, kaj kie ili — eble senkonscie — pli libere ekspiris. Ankaŭ Schumann-on kuntrenas kelkfoje la vento de ĉi tiu senlima *Pan*-a muziko; ni menciu nur la transiron al la lasta temo de la simfonio D-mola; la samon ni povas aserti pri Brahms kaj pri la introdukcio komponita al la finalo de lia unua simfonio.

Sed apenaŭ ili transpaŝis la sojlon de la ĉeftemo, ilia konduto tuj fariĝas rigida, konvencia, kvazaŭ tiu de homo, kiu paŝis en sian ofican ĉambron.

Krom Beethoven, Bach havis la plej proksiman parencecon al la „pramuziko". Liaj

*) El la libro: „Skizoj al la nova estetiko de la muzikarto".

orgenfantazioj (sed ne liaj fugoj) montras sendube fortan kontraston al la arĥitekteco, kaj ili estas kvazaŭ revelacioj plenaj de inspiro, kies titolo bone povus esti: „Homo kaj Naturo". Ĉe li ĉio efikas per naiva senĝeneco de la naturo, ĉar lia spirito flugas alte super la spirito de liaj antaŭuloj (kvankam li admiris unu aŭ la alian kaj eĉ ĉerpis el ili) kaj ĉar la juna akiraĵo de la temperita agordado havis en si provizore senliman eblaĵon por li.

Ĝuste pro tio Bach-on kaj Beethoven-on oni devas rigardi kiel komencojn, kaj ne kiel ion neatingeblan, ne kiel la fermŝtonojn de la esenco de l'muziko.

Ilia spirito kaj sento restos verŝajne neatingeblaj; kaj ĉi tio ree nur firmigas tion, kion ni diris supre. Tio estas, ke la spirito kaj sento restas ankaŭ post la paso de l' tempo netuŝitaj, kaj tiu, kiu povas atingi ilian zeniton, restos ĉiutempe staranta super la amaso. Kion oni povas atingi kaj transiri, tio estas la formo de la esprimo kaj la libero.

La karakterizaj trajtoj de la individueco de Beethoven estas: poezia svingo, profunda homa sento (el kiu, cetere, naskiĝis lia revolucia inklino) kaj ia antaŭsigno de la moderna nervozeco. Ĉi tiuj karaktertrajtoj certe ne akordiĝas kun tiuj kvalitoj, kiujn ni atribuas al „klasikulo". Ni aldonu ankoraŭ, ke Beethoven ne estas „majstro" laŭ la Mozart-a aŭ Wagner-a senco, ĉar lia arto estas heroldo de alvenonta, ne ankoraŭ perfektiĝinta arto.



MOZART

Wagner, la germana giganto, kiu — per siaj orkestraj kolorefikoj — tuŝas la terajn horizontojn, kiu, kvankam plivastigis la esprimformojn de l' muziko, sed aliflanke ligis ilin en fermitan sistemon (muzikdramo, deklamado, gvidmotivo), ne povis iri trans la limoj kreitaj de li mem. Lia kategorio ĉe li mem komenciĝas kaj ĉe li mem finiĝas; parte, ĉar li, evoluiginte sian arton ĝis la plej granda perfekteco, formis ĝin en rondan, fermitan unuon, parte, ĉar la tasko, kiun li fiksis por si, estis tia, ke ĝin povis venki ankaŭ unu *sola* homo. „Kun la problemo, li donis en niajn manojn ankaŭ la solvon", mi skribis ie pri Mozart. La finon de la vojo, kiun Beethoven fiksis por si, povas atingi nur generacioj. La vojo, kiel ĉio en la universo estas nur cirklo, sed tiel vasta, ke la parto, kiun ni vidas el ĝi, ŝajnas al ni rekta linio. La cirklon de Wagner ni povas vidi ĝisfine. Ĝi estas cirklo en la granda cirklo.

La nomo de Wagner rekondukas nin al la programmuziko. Ĝi estas rigardata kiel la malo de la t. n. „absoluta" muziko, kaj la ideoj estas al ni jam tiel ennerviĝintaj, ke eĉ la „skribuloj" ĵeŭras la tezojn aŭ de unu, aŭ de l' alia dogmo, eĉ ne pensante pri tria, krom ili ekzistanta eblaĵo. Laŭvere la programmuziko estas same unuflanka kaj limita, kiel la —nomita: absoluta muziko kaj glorita de Hanslick — sonkolor-tapetspecimeno. Ĉar anstataŭ arĥitektaj kaj simetriaj formoj, jen kio katenas ĝin: la poezia, eventuale filozofia programo, kiun, kvazaŭ relojn, ĝi demetas antaŭ sin.

Ĉiu motivo — tiel mi sentas — portas en si la pelforton, same kiel la semo. El diversaj semoj ĝermas diversaj plantaĵoj, diversaj laŭ formo, folio, floro, frukto, kresko kaj koloro. Eĉ, de ĉiu ekzemplero de unu kaj sama kreskaĵspeco ni vidas memstaran evoluon laŭ formo, forto kaj amplekso. En ĉiu motivo vivas ĝia formo propra, jam antaŭe maturiĝinta; ĉiu opa motivo devas alimaniere formi sin, sed ĉiu estas submetita al la laŭneceseco de la eterna harmonio. Ĉi tiu formo estas nepereigebla, sed neniam povas egali sin mem. La motivo de la programmuziko estas same ligita al ĉi tiuj kondiĉoj, sed, jam en la unua fazo de sia evoluo, ĝi devas sekvi ne la apartan leĝon de sia speciala ekzistado, sed la intencon de la „programo", pli ĝuste dirite: ĝi devas kurbigi sin laŭ la lasta.

Tiamaniere, tuj ĉe la komenco de sia evoluo,

deflankiĝinte de sia natura vojo, ĝi venas al tute surpriza vojkliniĝo, kien ne ĝia propra interna strukturo portis ĝin, sed kien ĝin alflankigis la programo, okazaĵo aŭ filozofia ideo.

Jen, kiel limita, primitiva estas ĉi tiu arto! Certe ĝi ja havas sonpentrajn esprimilojn, kiujn ne rimarki estas neeble (propre tiuj donis la impulson al la tuta artospeco), sed ĉio ĉi estas tro malmulta kaj la rimedoj estas bagatelemaj, kaj ĉio ĉi estas nur tre malgranda parto de la muzikarto. Kion ni devas pleje rimarki, tio estas propre la malaltigo de la *sono* je *bruo*, kiam oni imitas la voĉojn troveblajn en la naturo: fulmotondron, arbarzumon, bestajn voĉojn, ktp.; malpli rimarkeblaj, plie simbolaj estas la fenomenoj apartenantaj al la sfero de l' vido, ekz. fulmo, salta movo, birdflugo; la cerbo perceptas kaj faras al ni kompreneblaj: la trumpetsignalon kiel simbolon de l' batalo, la ritmon de marŝo kiel sentiganton de l' paŝado, la ĥoralon kiel esprimon de l' religia pieco.

Se ni ankoraŭ aldonas la karakterizajn muzikinstrumentojn de kelkaj nacioj (*castagnetta*, sakfajfilo, ŝalmo), ni elĉerpis la tutan armilon de la programmuziko. Movo kaj ripozo, molo kaj duro, alto kaj baso kompletigas fine la inventaron. Ĉi tiuj ja estas tre uzeblaj helpiloj inter la vastaj kadroj, sed per si mem ili same ne estigas la muzikon, kiel la vaksfigurojn ni ne rigardas statuoj.


BEETHOVEN

La muziko povas bone esprimi la ondfrapojn de la homa animstato. Angoro (Leporello), senkuraĝiĝo, repreno de forto, laciĝo (lastaj kvartetoj de Beethoven), decido (Wotan), hezito, animpremo, vigliĝo, malmoleco, moleco, ekscitiĝo, trankviliĝo, surprizo, atendplenaj momentoj — ĉiuj ĉi, kaj eĉ pli, estas bone esprimeblaj; same la interna eĥo de la eksteraj okazaĵoj, troveblaj en la supraj animstatoj. Sed ne estas esprimebla la kaŭzo de la emocio: ekz. ĝojo pro pasinta danĝero, aŭ la danĝero mem kiu estigas la timon.

La anima stato, kiun la pasio estigas, estas esprimebla, sed ne estas esprimebla ties fizika formo, ĉu ĝi estas envio aŭ ĵaluzo? Same oni ne povas esprimi per sonoj moralajn ecojn: vantecon, prudenton, eĉ ne parolante pri tiaj abstraktaj ideoj, kiaj estas: vero, justeco, kiujn oni eĉ malpli povas eksonigi. Ĉu estas imageble, ke ni povas figuri per muziko malriĉan sed kontentan homon? La kontenteco, la anima parto de la stato ja estas esprimebla; sed kie restas la etika problemo, kiu estas ĉi tie la plej grava: kvankam malriĉa, tamen kontenta?!

La kaŭzo estas, ke „malriĉa" estas formo de la teraj, sociaj situacioj, kiu ne troviĝas en la eterna harmonio.

Sed la muziko estas parto de la eterna universo.

El la itala:
C. PANDA



EGRI: ENTERIGO

# KADAVRO*

ALBERT KIVIKAS

Estis la kvina koro, kiam oni elsendis du esplorantojn.

Mateno estis sur la arbosuproj, tegmentoj kaj palisoj, la rosa kaj malseka suno estis malalte kaj ruĝis kvazaŭ kanonfajro en la tubfaŭko.

La esplorantoj estis rajde kaj galopis al la antaŭe kuŝanta vilaĝo. Alveninte en la arbaro, ili irigis la ĉevalojn paŝe, dedorsigis la karabenojn kaj prenis ilin pafiprete sub la brakojn.

La arbaro duflanke de la vojo aŭskultis la hufofrapojn de la ĉevaloj, kantis birdpepe, vekiĝo floris sur la vakciniaj trunketoj, dolĉa aromo vagis en la naztruoj de l' militistoj. Tra la verda foliaro radiis la suno, brilis sur la karabenaj tuboj kaj sur la enbuŝaĵoj de la bridoj.

La balanca paŝado de la ĉevaloj kaj la antaŭ nelonge estiĝinta mateno malfortigis la membrojn kaj la unua el ili diris:

„Eble ni sidu ĉi tie en la arbaro duonhoron?"

„Ni povus", — la alia aldonis.

Ili haltigis la ĉevalojn, salte elseliĝis, kondukis la bestojn en la arbaron kaj ligis ilin per la bridoj al arbo.

Tiam ili streĉadis la membrojn kaj oscedis dolĉe en la matena aero kaj ekserĉis en la herbaĵoj abelejojn, rompis verdajn branĉetojn, manĝis okzalojn kaj la unua el ili blasfemis: „Diable bone!"

Ili malproksimiĝis de la ĉevaloj kaj elvenis denove al la landvojo, longan distancon antaŭ tiu loko, kie ili elseliĝis.

Transpaŝinte la vojkanalon ili ekvidis kadavron, kiu kuŝis surbruste en la mezo de la landvojo. La surbrusteco de l' kadavro vekis en ili miron kaj devigis ilin halti apude.

„Sentaŭgulo, ne scipovas eĉ fali, kontuzas ankoraŭ antaŭ morto la nazon!" insultis ridante unu el ili kaj surdorsigis per botpinto la kadavron. Ĝi estis rigida kvazaŭ ŝtipo kaj turniĝis facile. Ĝia kapo estis frakasita de kuglo veninta de la nuko, la senordaj haroj estis plenaj de sangogluo, parto de la elkraniigita cerbo kuŝis en la polvo de l' landvojo, kie ĝi estis sekiĝinta kaj gluita al la postsignoj de l' ĉevalaj hufnajloj.

Unu el ili deŝultrigis la pafilon kaj ekfosis per la bajoneto la cerbon en la kranio. Ĝi pendiĝis facile sur la bajoneto kaj venis el la kranio kvazaŭ korko el botelkolo. Al li enkapiĝis subite stanga sento fosante en la malviva cerbo: li mem havis ja en la kapo tian saman cerbon kaj baldaŭ ĝi povus kuŝi same ie en plugaĵo aŭ drenaĵo, por ĝojo al la malamiko, kiu per kanona rado transveturus ĝin indiferente.

* El la kolekto „Sangenigra."

Sed kiam la malplena kranio de l' kadavro rigardis al ili kvazaŭ elbatita okulo kaj la cerbamaso kuŝis antaŭ iliaj piedoj, unu el ili diris:

„Ĝi ankaŭ pensis kaj revis iam."

„Kaj amis kaj malamis," aldonis la alia.

Tio estis komika kaj iom terura. Ili staris plu, ne palpebrumante, apogante la mentonon al la malvarma pafilkolbo. En ili io komencis kvazaŭ ŝanĝiĝi, dispeciĝi, degeli, moliĝi. En ili vekiĝis nebula rememoro pri la antaŭa homo, kiu ne estis tiel brute kruda kaj senkompata, por kiu estis abomena la sango kaj terura la mortigo de homo.

La du glacipecoj eksentis tie antaŭ la piedpremita kadavro de l' malamiko la unuajn sunradiojn, kiuj penetris kiel fajraj strioj, fajrerante kaj radiante en la mallumon.

En iliaj koroj kaj animoj ekmoviĝis io sentimentala kaj la unua diris:

„Ĝi estas ja homo!"

„Jes, homo kiel ni," aldonis la alia.

Kaj ree ili staris senparole. La rustiĝintaj sentpordoj de la du mortigistoj malfermiĝis malrapide kaj malkuraĝe. Iliajn kruelajn kaj senmovajn okulojn eniris esprimo de sentemo, kiu pligrandiĝis kiel la leviĝanta suno, por saturi ĉion vivantan per mildo kaj lumo. Tiun ĉi varmon ili sentis ambaŭ, sin apogante al la pafiloj tie, ĉe la mortigita homo kaj tio afliktis ilian koron. Ĉio, kion ili estis farintaj ĉi tie, ĉiutage, ekŝajnis al ili terurega, tiel ke en iliaj animoj estiĝis sanglarmo, kiu brilis kiel oro en sia pureco.




MORTODANCO

En ilia koro estiĝis malklara imago pri la doloro pro tiu ĉi grandega maljusteco, kontraŭ la verŝita sango de l' malamiko, je kiu abundis kampoj, arbaroj, herbejoj, kanaloj kaj landvojoj. Sango estis kuŝanta sur la veturilradoj, ĉevalhufoj, bajonetoj, lancoj, pafilkolboj kaj sur iliaj propraj manoj. Ili estis mortigintaj ilin ĉiel, de malproksime kaj proksime, estis ilin simple trapikintaj per bajonetoj, batintaj la kapojn per pafilkolboj, metintaj ilin apud tabulbarilon kaj mortpafintaj, pendigintaj per iliaj propraj zonrimenoj en arbosupro, aŭ dispremintaj per la botoj, tiel ke sur la plugaĵo restis nur sanga viandpasto.

Kiam tio venis en ilian memoron, en ili vekiĝis mordetanta turmento, kiu rigardis sunokule al ili en la vizaĝon, mordis ilin per malakraj dentegoj, tiel ke ili estus volintaj bleki kiel bruto, kriegi kiel vive-disŝirato.

Returninte la malĝojajn okulojn al la kadavro, la unua el ili diris malgaje:

„Ĝi havas ja patron!"

„Kaj patrinon," la alia aldonis.

Tio tuŝis ilin tiel proksime, ke ambaŭ ili sentis sin mem kuŝanta tie sur la tero, anstataŭ la kadavro, kun kapo frakasita kaj kun cerbo dispremita de ĉevalhufoj.

Tiel ili staris kiel malĝojaj honorgarde-starantoj ĉe la homa kadavro, kiun estis mortiginta eble kuglo el iliaj propraj pafiloj, pafita trafe-netrafe en la atakantan batalĉenon de l' malamiko.

Subite unu el ili ekrimarkis la malfermitajn okulojn de l'malvivulo, ili estis blankaj kaj senesprimaj, kvazaŭ ili estus plensorbiĝintaj de malfandiĝinta sebo. Li ekgenuis kaj zorge fermis ilin, el liaj okuloj falis larmo sur la sangan glaciemalvarman vizaĝon de l' mortigito.

Tiel ili staris tie, apogante la mentonon al la malvarmaj pafilkolboj, kaj ne rimarkis grupon da malamikaj esplorantoj, kiu venis el la arbaro al la landvojo. La malamikoj vidis sur la vojo du starantojn kaj kaŝis sin en la kanalo, supozante, ke ili estas viditaj. Sed vidante la starantojn ĉiam senmovaj, ili levis la kapojn el la kanalo kaj komencis kaŝobservi ilin.

Tiuj staris kiel antaŭe.

Tiam la aro de esplorantoj ekrampis al ili surventre, kaj alproksimiĝis malrapide, ne deturnante la okulojn de l' landvojo.

Sed la starantoj ĉiam ankoraŭ ne rimarkis ilin. La malamikoj proksimiĝis en la vojkanalo ĝis ĝusta pafdistanco, alvangigis la pafilojn kaj kvin, ses ektondrantaj pafoj estis celitaj al la starantoj.

Ili surdorsiĝis malvive de siaj pafiloj en la polvon de la landvojo apud la kadavron.

El la estona:

HENRIKO SEPPIK

RIMARKO. Albert Kivikas (naskiĝis en la jaro 1898) estas la plej juna inter la estona moderna verkistaro. Sed malgraŭ tio lia verkaro estas tre multnombra. Lia ĝisnuna plej bona verko estas konsiderata „Sangenigra" (1921), kolekto de militaj noveloj. Li estas konata kaj ŝatata en la tuta Estonujo. Precipe famigis lin miniaturkolekto „La porkoj flugantaj."

Antaŭ nelonge li donis permeson traduki liajn verkojn en Esperanton.

TRADUKINTO

# KAJ KIO POSTE?

ZINAIDA GIPPIUS

La anĝeloj ne vizitas min;
Ili ŝatas resti en Edeno.
Ilin logas paco kaj sereno,
Kaj mi lulas pekon sur la sin' . . .

La anĝeloj do evitas min.

Min vizitas nur Spirit' de l' Ter';
Estas ĝi frandema, grandokula.
Ĉu min ĝenu ĝia vid' nebula,
Se nebulas mia propra ver',

Kiam venas la Spirit de l' Ter'!

Mi demandas ĝin pri l'morta hor'!
La venint' — klarvida vagabondo —
Seias multon pri l' alia mondo...
„Diru, kiel pasas vivo for,

„Kio estas ĝi — la morta hor'?"

Mia gast', venkita per bombon',
Diras ŝerce: „vivas vi ravitaj . . .
„Venos hor' — kaj falos dispremitaj
„Sub boteg', sen kulpo, sen rezon'...

„Kiel dolĉa estas la bombon'!"

„. . . Vi naskiĝas, kvazaŭ verm' sur voj';
„Oni vin ne longe vivi lasos
„Kaj dispremos, dum la vojon pasos,
„Per boteg'! Kaj ĉies venos foj':

„Dispremita esti sur la voj'.

„Tre diversaj botoj en la mond'
„Premas homojn simple aŭ malame,
„Kaj al vi okazos tute same,
„Kiam krevos via pensa rond'

„Sub okaza boto en la mond'!

„Ŝtono, kuglo, ĉio estas „bot'",
„Ĝi minacas en infekta febro,
„En mortpuna rompo de vertebro,
„Ĉie ĝia kaŝas sin komplot';

„Ĉu ne same estas, kia bot'?"

Ĉion mi komprenis pri l' morthor',
Kaj la gaston ĝoje mi karesas,
Elokvente, milde mi konfesas
Ĉiujn sentojn de l' banita kor' . . .

Tuton scias mi pri l' morta hor'!

„Kio estos post la morta prem',
„Kio, diru! Prenu do bombonon!"
Sed la gasto prenas gravan tonon,
Ĝia voĉo siblas pro kaŝem':

„Netuŝita restu tia tem!

El la rusa: N. HOHLOV

# MIAJ AMIKOJ

ELIN-PELIN

Salikaj Herbejoj estas la nomo de malgranda valo, malproksima de la vilaĝo, malfermita, kiel sino, inter altaj arboriĉaj pintoj, varmigita de l' suno, kiel ĉambro.

Meze de l' valo estas vigla kaj belega bukedo el graciaj betuloj, altaj tremoloj, abioj, maljunaj avelujoj, junaj fagoj kaj du poploj. Meze de tiu bukedo pasas malgranda, klara rivero, venanta de apud la pinto. En tiu loko, sur la branĉoj de tiu granda bukedo, kolektiĝas, por ludo kaj amrenkontoj, elektindaj flugkantistoj de l'najbara arbaro, ĉiutage, komencante de Aprilo kaj finante per Aŭgusto.

Mi ŝatis trairi senbrue ĝis tiu ĉi loko, kuŝiĝi en la odoranta herbo kaj observadi. Mi persone konis multajn el tiuj kantantaj amikoj kaj en Majo preskaŭ ĉiutage mi vizitis ilin gaste. Tie havis nestojn du najtingaloj, vestitaj grize, modestaj en sia marŝo. Iliaj junaj edzinoj kovis. De ie venadis globforma, malhelruĝa paserviro, kiun amis ĉiuj pro liaj spritaĵoj, sed malmultaj lin estimis. Li tre arogante amindumis multkoloran kardelinon. Sur la pinto de l'betuloj unu apud la alia altsidigis sin du merloj, kiuj anoncadis la sunleviĝon kaj kiuj estis viva ekzemplo de la geedza fideleco. Sur avelarbo altsidigis sin koketa pirolino kun granda brusto, kiu enviis la merlinon kaj enamiĝinte rigardis la senzorgan paseron. Sur maljuna kornelo sidigis sin senprincipa kukolino, kiu ĉiam malfruadis. Kontraŭ ŝi saltetis malsaĝa garolino, kiu siamaniere taksis la belecon de siaj plumoj kaj mokridis la eterne funebrajn vestojn de la kukolino, kiu, fiera kiel vidvino meritinta la morton de sia edzo, ne koleris al ŝi. Alte, sub la larĝaj branĉoj de platano, havis la neston du kardeletoj, ankoraŭ junaj geedzoj, kiuj terure ĵaluzis unu la alian, mortsuferis pro reciproka amo kaj persekutis siajn postsignojn.

Malgraŭ tio la ino estis jam doninta promeson al la senindulga paserviro. Je respektinda distanco de tiu loko, sur alta pirarbo kun duonsekaj branĉoj etenditaj al la ĉielo kvazaŭ manoj en malespero, sidigis sin soleca kolombo, malgaja, profundiĝinta en meditoj kaj de tempo al tempo kveris distrite kaj por si mem. Malgraŭ la evidenta amprovoko de la garolino, li ne partoprenis kaj ne konatiĝis kun tiu societo.

Mi kuŝis surventre, kvazaŭ granda insekto en la florriĉa, odoranta herbo kaj mia pajla ĉapelo, ŝirmanta mian kapon, similis al granda fungo, elkreskinta en la herbejo. La gaja popolo de l'bukedo ne atentis pri mi kaj ne suspektis mian ĉeeston. Nur la pasero, foje dubante, flugis malalten super mia kapo kaj alarme ekpepis, sed mi forte riproĉis lin kaj li ne perfidis la aferon. Krom tio dufoje mi subaĉetis lin ĵetinte al li sekrete kelkajn grenerojn.

La najtingaloj altsidigis sin sur la grizkafkoloraj branĉoj kaj fariĝis preskaŭ nevideblaj. En la densaj ombroj, inter la grandaj folioj, apenaŭ, nur post longa fiksrigardo mi povis vidi iliajn nestojn, kie pacience kaj kun mirindaj revoj kaj esperoj kovis iliaj karulinoj. Ambaŭ najtingaloj ekstaradis, ĉiu antaŭ la sia, kaj kantadis tutajn horojn, sin ne formovante. Kun delasitaj tremantaj flugiletoj, kun levitaj kapoj ili kantadis kaj iliaj tutaj malgrandaj korpetoj tremis pro inspiro kaj krea febro.

La malhelruĝa pasero estis granda petolulo.



KÉZDY-KOVÁCS: ARBARA RIVERETO

Ofte li adresis al la sinjorinoj tiajn spritaĵojn, ke la hontema pirolino tutan horon ne kuraĝis levi la okulojn por ekrigardi iun. Iufoje li estis aparte humorplena. Li kolektis ĉiujn ĉirkaŭ si, komencis rakonti ion al ili kaj tuj tuŝis tian demandon, ke ĉiuj ekdisputis kaj en la bukedo fariĝis terura bruo.

La garolino, kiel ĉiu malsaĝa birdo, kiu ne komprenas la saĝan interparoladon, nur kriadis deflanke:

— Malsaĝuloj! . . . Malsaĝuloj! . . .

Kaj la pirolino saltadis flanke, sur soleca dorno kaj ĝeme fajfadis:

— Dio, kiel mi amas tiun paseron! Kiel malbona li estas kaj kiel mi amas lin!

La kardelino rigardis lin ameme kaj tuŝetante sian ĵaluzan kolorulon, naive diris:

— Kia sprita kaj senzorga pasero — nenion li timas.

— Lasu lin, tiun senmoralulon, li havas nenian estontecon. Vidu, kiel nigra fariĝis lia kolumo — respondis tremante pro envio la saĝa edzo de la kardelino.



PAÁL: EN ARBARO

— Kontraŭe, karulo, li estas vestita, laŭ mia trovo, grandguste. Vidu, kian belan malhelruĝan koloron havas liaj flugiloj, kvazaŭ la ŝeleto de matura acida ĉerizo. Vidu lian rigardon, vidu kiel gaja li estas. Ĉu ne plaĉas li al vi! . . .

— Jes, jes, pepis la edzo tremante pro ĵaluzo. Mi scias, ke li plaĉas al vi, mi tre bone scias kaj mi ne volas, ke vi diru al mi tion . . . Jes, mi ne volas.

La voĉo de l' enamiĝinto tremetis. Liaj okuloj pleniĝis. Li flugis flanken, por ke oni ne vidu liajn larmojn kaj lian malfortecon.

Al la kompatinda kardelino fariĝis dolore. Ŝi rapide iris al li, trovis lin inter la branĉetoj kaj lin superŝutadis per dorlotaĵoj kaj amemaj pepoj.

Ho, tiuj teruraj virinaj karesoj, kiuj refutas la okulvideblajn faktojn kaj faras la viron milda, cedema, stulta kaj lin trudas ne pardoni, sed senkulpigi sin.

Tiu delikata amanto, fandita pro flatoj, petis larme pardonon kaj nomis sian multkoloran kardelinon per mil belaj kaj etaj nomoj.

— Karulino, karulineto! Vi, malgranda parteto de la ĉielarko, veninta al mi per sunradio! Vi, por kiu Dio kreis la semojn de la sunfloro! Pardonu min, kardnjo, kanjo mia, ne koleru al mi! Ne koleru al via ĵaluza kaj malbona edzo. Kredu, mia multkolorflugila etulino, mi suferas terure, ke mi ofendis vin, sed ĉi tio estas pro amo, pro ĵaluzo . . . Ho, se mi scius, ke vi ne pardonos min, mi mem transdonus min en la ungojn de la falko!..

— Mi pardonas, pardonas, pardonas al vi, karulo! . . . Ho, ne parolu tiel! Via malgranda kardelino scias, ke vi estas malsprita kaj pardonas al vi.

Tiuj ĉi historioj ripetiĝis ĉiuhore.

Ilin aŭdante la kukolino, kiu estis birdo instruita, emancipita kaj pasia defendantino de la libera amo, diris al ili rekte en la okulojn:

— Hu, mizeruloj, via malsaĝa amo abomenas min!

— Kaj vi... vi, kiu logtrompas la fremdajn edzojn kun profita celo kaj erarigas iliajn edzinojn! — kriadis al ŝi la garolino kun voĉo raŭkiĝinta pro malestimo.

La kukolino ridis malatente kaj ekflugis dirante:

— Antaŭjuĝoj, antaŭjuĝoj!

— *Amour! amour!* — diris france la kolombo el sia maljuna arbo kaj ree dronis en medito.

Ofte venis tien ankaŭ nigra pego, pedanto ĝis la ostoj. Li estis konsiderata kiel instruitulo. Li estis doktoro de filozofio, faris paroladojn pri estetiko, malamis la paseron kaj parolis inspire pri la najtingaloj, sur kies arboj li kolektadis formikojn. Sian profundan sciencon kaj ĉiujn siajn konojn li akiris el la sennombraj skriboj, kiujn la tempo desegnas sur la ŝelojn de la maljunaj arboj kaj de la hieroglifoj, kiujn oni skribaĉas sur la grizaj kovriloj de la poploj.

La paserviro ne estimis lin, nomis lin mensogulo, pedantaĉo kaj ĉarlatano. La aliaj birdetoj timis, sed ne amis lin, pro lia kaŝemo kaj malsincereco.

Ĉar la pego foje diris impresajn komplimentojn al la kardelino pro ŝia beleco, tiu ĉi komencis koketi lin kaj ekdeziris preni privatajn lecionojn pri teorio de l' poezio kaj pri estetiko.

La pasero terure eksuferis, eksciinte tion. Li renkontis la edzon de la kardelino kaj parolis, rakontis multe al li.

Sed la fidela edzo malamis la paseron, oni scias pro kiaj kaŭzoj, kaj ne kredis liajn intrigojn.

La pasero ekagis.

Iun frumatenon li venis ĉi tien, salutis afable la pirolinon kaj altsidiĝis apud ŝi, ne ekrigardante la kardelinon, kiu ekzamenadis desegnitan koron sur la blanka ŝelo de l' proksima betulo.

— Mi dankas, dankas pro la atento — ŝi turnis sin al li kun kaŝita ĵaluzo kaj kun koro ofendita ĝis doloriĝo.

— Senkulpigu, diris la paserviro, mi timis forlogi vian atenton de la scienco. Ĉu vi aŭdis, via profesoro malfermis en la arbaro lernejon por la junaj najtingaletoj, li instruas ilin rimi?

— Jes, mi aŭdis pri tio de li mem... Kia bonfaro!

— Li intencas malfermi ankaŭ lernejon de amo — diris la pasero — sed ankoraŭ mankas al li praktiko.

La paroloj frapis la kardelinon rekte en la koron. Ŝi supreniris sur branĉeton kaj ekploris. Kaj la pasero ekkonversaciis kun la hontema pirolino:

— Vi — diris li al ŝi — ŝajnas enamiĝinta. Ĉiam malgaja, ĉiam sola kaj meditanta...

— Ĉiu mem konas la sekretojn de sia koro — diris saĝe la pirolino.

— Sed tamen vi estas enamiĝinta.

— Al bela sinjoro, kiu ne volas eĉ koni min.

— Li, eble, pensas pri vi pli multe ol vi supozas — diris la pasero kaj proksimiĝis al la tremanta pro amo pirolino . . .

Tiam la kardelino flugis de sia branĉeto kaj eksidis proksime kontraŭ ili, por malhelpi al ili. Ŝi estis preta forŝiri per siaj piedetoj la kapon de la pirolino, eltiri la ruĝajn plumojn de ŝia kolo, kaj ĵeti ilin en la koton, sed ŝi retenis sin.

La impresebla koro de la pasero sentis ĉion ĉi tion. Li riverencis al la pirolino, dirante: „Ĝis revido" kaj forflugis en la arbaron.

Baldaŭ la malgranda kardelino, ofendita kaj preta je malesperaj scenoj, flugis laŭ liaj postsignoj.

La pirolino, en kies brusto estingiĝis denove la efemeraj esperoj, restis ree sola kaj mallaŭte ekkantis malgajan kanton. Malgajan kanton pri la mallongeco de la feliĉo, pri la maldaŭro de la amo, pri la krueleco de la printempo.



HEYER: ARBARA PROFUNDO

Estis hela kaj bela mateno. En la herbejoj fajfis griloj. Papilioj sin persekutis sur la floroj. Super la rivero sin spegulis la herboj. Trankvilo kaj suno. Najtingaloj kantis matenajn kantojn pri siaj karaj. La gemerloj gloris la sunon el la pinto de l' betuloj, Dio benis la komenciĝantan tagon por nova amo. La sovaĝpapavo malfermis sian ruĝan okulon en la herbejoj kaj blankaj rondaj lekantetoj parolis inter si pri la delikataj manoj de enamiĝintaj knabinoj.

En la arbareton alvenis la edzo de la kardelino kaj ne trovis ŝin en sia nesto. Li demandis la merlojn, ĉu ili ne vidas ŝin ie el la altajoj. Ili nenion respondis, ĉar la nomo de la falinta kardelino ofendis ilian bonmorecon. Tiam li supreniris sur la pinton de la poplo kaj vokis longe ŝin:

— Kardenjo, kanjo, kie vi estas, karulineto! . . .

Neniu respondis. Li malsupreniris al sia nesto. Ĝia dezerteco kaj soleco terurigis lin. Li sidiĝis apude sur branĉeton kaj ekploris malgaje kaj senkonsole. La najtingaloj rigardis lin kompateme. Frapitaj de lia malĝojo, ili ĉesis kanti. La pirolino, kiu sciis ĉion kaj havis kompateman koron, forkuris en la arbaron por ne aŭdi la ploron de la malfeliĉulo.

— He, hej, ĉesu! — kriis al li la garolino, kiu alflugis de la arbaro. Malfidelulino ne meritas tian malĝojon. Vi tie ĉi ploras pri ŝi, kaj ŝi tie en la arbaro . . . ĉu vi scias, kion ŝi faras kun la pasero?

Kaj la garolino ridis impertinente . . .

Frapita de tiu sciigo, la edzo de la kardelino ĉesis plori kaj decide forflugis en la arbaron. Tie baldaŭ fariĝis bruo, fajfo, krio. La birdetoj de la arbareto forkuris, tremantaj kaj timigitaj.

Kaj en la herbon, meze de la herbejoj, falis brue la pasero kaj la edzo de la kardelino, ĉirkaŭpremantaj sin furioze. Aŭdiĝis krioj kaj vidiĝis plumoj. La du malamikoj faris sur la kapojn terurajn frapojn per siaj fortaj bekoj kaj sin frapis en la herbon kvazaŭ du elastaj pilkoj, tirataj per fadeno. La kardelino flugadis kun krio super ili kaj vokis malespere:

— Helpon, helpon! . . .

La batalo fariĝis timiga. Sango makulis la bruston de la edzo, kiu batalis pro sia honoro.

Du plumoj falis de l' vosto de la pasero, kiu same batalis en la nomo de la kardelino.

— Helpon, helpon! Ĉu ne estas iu por ilin disigi? — kriis la kardelino kaj terurite ŝi rigardis kiel ŝia edzo ĉiam pli malfortiĝas, frapata per la forta beko de la pasero.

— Helpon, helpon!

Indignigita de tiu bruo kaj krio, el la arbaro alflugis falko, haltis super la herbejoj kaj ekrigardis. Kaŝis sin ĉirkaŭe la birdetoj, kien eble. Nur la sangaj malamikoj batalis por vivo kaj morto en la herbo kaj vidis nenion ĉirkaŭ si.

Flugis la falko super la batalantoj kaj ventrapide kaptis ambaŭ.

*

Post tiu okazintaĵo la vivo en la bukedo ŝanĝiĝis.

La pirolino, konsumita de malĝojo, al neniu konfidis sian doloron, iris loĝi en monaĥejon. La kukolino kaj la garolino ankoraŭ malamis sin. La najtingaloj kaj la merloj finkovis kaj tutajn tagojn estis okupitaj per zorgoj pri siaj idetoj.

Multajn tagojn ploris la vidviĝinta kardelino, ne sciante, pri kiu el ambaŭ estis al ŝi pli dolore. Ŝi kolektis de la batalkampo la falintajn de ambaŭ plumerojn kaj ilin metis en sian neston por memoro.

Ŝi ploris, ĉar ŝi estis sola, sed ŝi fieris treege, ke pro amo al ŝi pereis du.

Kaj la kolombo, ĉiam tiel soleca, altsidigis sin sur sian maljunan sekiĝintan arbon, meditis kaj, rememorante pri la terura okazintaĵo en la herbejo, diradis france:

— *Amour, amour! . . .*

El la bulgara: IV. H. KRESTANOFF L. K.

# LA OMBRO DE L' PATRO

## (EL TAGLIBRO DE FRENEZULO)

*W . . . 13. V. 1921.*

La rivero bruis. La okuloj lacis rigardi la ondetojn kurantajn. Mi ne scias, kiom da tempo mi pasigis senmove tie, sed ŝajnis al mi longa . . . longa . . , Tiam la suno estis ĉe la zenito kaj ĝiaj radioj vertikale falis al la varmega tero , . .

Mi sentis nenion kaj rimarkis nenion. Kvieta, ho kiel kvieta silento regis en la animo . . . Trankvila, paca ĝojo kuŝis ĉie. Facila venteto blovis el la foliaro de la apuda arbaro . . . Birdo ekkrietis . . . Falantaj sekaj brančetoj susure krakis . . . La plaŭdanta melodio de la forkurantaj ondoj lulis min . . .

Mi rigardis fikse kun plenstreĉo de la nervoj kaj en miaj okuloj alternis helaj lumringoj. Ili jen longiĝis, jen kuntiriĝis farante perlan fadenon . . . Subite ĝi disŝiriĝis kaj la malgrandaj helaj grajnetoj ruliĝis rapide . . . rapidege, kvazaŭ freneze dancante en la sep koloroj de la ĉielarko . . , Longe, longe mi rigardis ilin. Mi scivolis pri la fino de tiu ĉi stranga dancado . . .

La movoj de la koloraj grajnetoj pliritmiĝis, plikvietiĝis . . . Ili kunfluis . . . Mi ne povis vidi plu ilian dancon, ĉar fosfore brilanta murego kaŝis ilin . . . Miaj okuloj doloris, tre doloris, sed mi ne volis fermi ilin . . . Kiel interese estis vidi tiun radiantan muregon, kvazaŭ post ĝi estus la eterneco . . . Mi ne volis fermi la okulojn, ĉar tiam estus malaperinta ĉio . . .

Miaj tempioj terure pulsis kaj la murego ĉiam pli kaj pli densiĝis. Longaj lumantaj strioj aperis sur ĝi. Bluaj kaj verdaj . . . La strioj fendis la muregon kaj en miaj oreloj zumis mil kaj mil tintiloj . . . Nedifinebla muziko de la transtera orkestro . . . Mi ne povis elteni plu . . . Mi fermis la okulojn kaj du larmoj ruliĝis sur miaj vangoj . . .

La brilanta murego malaperis kaj mi vidis nur etan fulgonigran punkton . . . Subite ĝi ekkreskis kaj kreskis kaj kreskis . . . Ĝi fariĝis granda, grandega, kiel disko kaj ĉirkaŭ ĝi flamis flavaj kaj violaj radioj . , . La nigra disko baldaŭ ŝanĝis kolorojn. Ĝi brulis jen en ruĝa, ruĝblua, jen en flava, verdflava koloroj kaj en la mezo de la ardanta disko aperis atome malgrandaj, nigraj truoj . . .

La truoj aliformiĝis senfundaj abismoj, kiuj tiris min kaj tiris . . . kaj tiris . . . Kien? . . .

Subite mil kaj mil briletantaj fadenoj zigzagis antaŭ mi. Ili kunplektiĝis . . . disiĝis . . . serpentumis rapide, rapidege kaj mi sentis, ke miaj okuloj turnas sin freneze, kiel la radoj de forruliĝanta kaleŝo . . . Mi sentis nenion kaj komprenis nenion . . . Ŝajnis al mi, ke la vivo ĉesis ĉirkaŭ mi kaj regis min la feliĉo de transmondiĝo . . .

La voĉo de mia patrino vekis min.

— Kial vi ploras?

Mi malfermis la okulojn kaj vidis antaŭ mi la zorgplenan mienon de mia patrineto.

— Nenio, patrineto, nenio! Ŝajnis al mi, ke por momento mi sukcesis forlasi la teron . . .

Mi ne komprenas, kial ŝi afliktiĝis . . .

*W . . . 6. VI. 1921.*

Hodiaŭ mi suprenkuris al la granda roko . . . Dum la kurado mi ridis laŭte . . . Mi ridegis kaj ridegis . . . Sidante sur la elstaranta roko mi rigardis al la profundegaĵo . . .

Antaŭ mi la urbego etendis sin, sed mi vidis ĝin tre malgranda, malpura kaj stranga . . . Ridinde stranga ĝi estis . . . Mi aŭskultis ĝian unutonan

surdan bruon. La bruo ŝajnis al mi lulkanto por laciĝintoj . . . Kanto, lulkanto . . . kanto zumanta . . . zzzz . . . zzzz. La bruo de la urbego similis al zumado de malesperantaj muŝoj kaj tiuj moviĝantaj punktoj sur la stratoj ŝajnis rampantaj majskaraboj . . . Hahaha! . . . Ho, se mi povus trapiki ilin per pinglo kaj alligi ilin per fadeno al stangeto! Tiam ili rondeflugus kaj zumus, zumadus zzzz . . . zzzz, kiel la majskaraboj . . .

Sed ili efektive zumis kaj zumis . . . Malfeliĉuloj? . . . Versajne ili estas jam trapikitaj kaj alligitaj per nevideblaj pinglo kaj fadeno . . . Kiu trapikis ilin! . . . Kies ludiloj ili estas? . . .

Kio? . . . Ĉu muziko? . . . Jes, vere muzikon mi aŭdis . . . Gurdosonojn al la mortodanco . . . La melodikrioj de la gurdo ve-kantis en la aero . . . La gurdludisto staris antaŭ nia domo . . . Hehe! . . . Gurdu, bona almozulo, gurdu! Vi ricevos iom el la fragmentoj de la kovrita tablo . . .

Gurdu, bona almozulo, gurdu! Vi estas la grimaco de la vivo . . . Kun stomako, pro malsato murmuranta, vi faras amuzon por la satmanĝintoj . . . Gurdu almozulo! . . .

Mi konas alian gurdludiston, kiu ricevas eĉ malpli ol vi kaj li estas kontenta. Li estas pli potenca almozulo ol vi kaj ankaŭ li ricevas nur fragmentojn el la pieco de la homoj . . . Kaj li estas kontenta. Ĉu vere li estas kontenta? . . . Mi ne scias, sed vi, bona almozulo, estu kontenta kaj gurdu . . . gurdu . . . gurdu gaje por la satmanĝintoj . . . Hahaha! . . . Grandioze!



SIGRID BLOMBERG: ANGELUS

Mi ne sciis, ke vi estas tiel sprita, bona almozulo. Vi havas simion rikanantan, ligitan per ĉeno. Vi ludas por igi ĝin dancanta . . . Perfekte vi similas al la granda gurdludisto. Ankaŭ li tenas ĉe si per ĉenoj la simiojn, sed la ĉenoj estas pli longaj ol la nia . . . Perfekte vi vimilas al li . . . Nur vi sstas sensignifa gurdlueisto . . . tute sensigdifa . . .

Iu ektuŝis mian ŝultron . . . Denove mia patrino. Ŝi malgaje rigardis min.

— Kion vi faris ĉi tie, kara fileto?

Mi trovis pli lertan gurdludiston ol tiu ĉi.

Ŝia voĉo estis tiel stranga. Ĝi havis tian sonoron, kia mankas en la gurdo . . . Du larmoj aperis en ŝiaj okuloj kaj la larmogutoj haltis sur ŝiaj palaj vangoj. . . . La larmoj estis doloraj, sed mi ridis . . . ridegis . . . Strange, kvazaŭ miaj okuloj estus fariĝintaj mikroskopoj, tra kiuj mi estus vidinta la batalon de malgrandaj bestetoj en la larmoj . . . Ĉarmaj bestetoj . . . Kaj ili estis tiel viglaj, tiel batalemaj, tiel . . . Hahaha! . . . Kiel ili mordis unu la alian! Por momento ili ŝajnis esti homoj . . .

*W . . . 15. VI. 1921.*

Kial estas tagoj kaj kial fariĝas nokto, se la suno subiris? Oni diras: pro la sinturnado de la terglobo . . . Kial turnas sin la tero? . . . Kial? . . . La sinturnado estas la vivo de la tero kaj se ĝi haltus, tio signifus la morton de la tero . . . Ankaŭ la homoj turnas sin por montri, ke ili estas vivantoj . . . Se ili ellaciĝinte haltas en la freneza sinturnado, tiam ili mortis . . . Ĉu vere ili mortos post ĉeso de la turnado aŭ ili denove komencas eĉ pli frenezan turnodancon? . . . Jes, ili komencas . . . mi sentas tion . . .

*B . . . e 17. VI. 1921.*

La hodiaŭa tago estis terure malagrabla por mi. Ni sidis triope en aparta kupeo de duaklasa vagono. Kontraŭ mi sidis mia patrino kaj viro, pri kiu mia patrino diris, ke li estas amiko de nia familio. Li havas severan mienon kaj lia nazo similas al beko de akcipitro . . . Li akompanas nin al la marbordo kaj li estos mia konstanta akompananto . . .

Mi mem ne scias kial, sed mi timas tiun ĉi viron . . . Liaj okuloj turnas sin kiel la tero kaj kiam li fermas ilin, tiam fariĝas nokto . . . Nokto por li kaj tagiĝo por mi . . . Ankaŭ miaj okuloj turnas sin . . . Kiu okulparo estas la suno kaj kiu la tero el la du? . . .

Li fermis la okulojn kaj mi tute klare vidis . . . Mi vidis lian helbrunan haŭton kaj liaj trajtoj estis krudaj . . . Mia patrino dolĉe dormetadis kaj estis strange vidi tiujn du kapojn antaŭ mi. Ili ŝajnis vaksfiguroj, eĉ ne homaj . . .

Subite la vagonaro enkuris sub tunelon kaj min regis nekontraŭstarebla instigo, ke mi sufoku tiun akcipitron, kiu, mensogas sin amiko de nia familio . . . Miaj fingroj konvulsie tordiĝadis kaj en la blinda mallumo mi komencis premadi la gorĝon de — mia patrino . . . Ŝi krietis kaj mi rekonsciiĝis, sed . . .

*B . . . e 19. VI. 1921.*

Hodiaŭ mia patrino akompanis min al la marbordo por promenadi. Ankaŭ la fremda viro estis kun ni, sed mi scias jam, ke li ne estas amiko de nia familio . . . Li estas kuracisto . . . Terura homo. Li estas ofte tre kruela al mi . . .

Ni sidis sur la kajo . . . Mi rigardis al la profundo de la maro, sed mi ne povis vidi ĝin. La akvo estis tre malpura. La maro estas tiel malpura, kiel la vivo mem . . . Mi estis scivola pri tiu submara palaco, pri kiu mi aŭdis tiel ofte en mia infanaĝo . . .

Mi turnis min al mia patrino.

— Patrino, kie estas tiu palaco, pri kiu vi tiel ofte rakontis al mi?

Mia patrino malgaje ridetis kaj respondis, sed ŝia respondo ne kontentigis min. Ŝi diris, ke la tuta historieto estas nur fabelo por infanoj.

— Kial mensogas la plenaĝuloj al la infanoj?

Ŝi ne povis respondi ... kaj mi sentis min denove infano, pri kies strangaj demandoj la plenaĝuloj restas mutaj, por ne diri ian sensencaĵon ... Ni ĉiuj silentis, sed dum la baraktanta muteco mi ekvidis la palacon en la akvo ... Ĝi estis mirinde bela.

Mi rigardis ĝin kaj rigardis longe, longe ... kaj poste, kun sincera bedaŭro, mi konstatis, ke ĝi estas nur respegulaĵo de palaco malantaŭ ni ... Ĝi estis tro tera por esti submara palaco ...

Dumvoje al nia hotelo mi longe pensis pri tio, „kial oni mensogas al la infanoj?"

*B . . . e 23. VI. 1921.*

Kial oni mensogas al la infanoj? ... Senĉese tiu ĉi frazo zumas en mia kapo. Dumnokte mi pensadis pri tio, kiamaniere oni devus fabeli al la infanoj sen mensogo kaj mi trovis ĝustan solvon. Mi mem verkos fabellibron, kies titolo estos *„Tra lando de miракloj."* En tiu libro ĉiu fabelo estos miraklo, sed tiaspeca, kian la vivo mem povus produkti ... sed kion mi neniam vidis okazi ... Jen kelkaj:

— — — — — — — — — — — —

Du infanoj promenadas sur la strato. La unua: katoliko, la alia: hebreo. Ili estas tre bonaj amikoj ... Preterpasante la katolikan preĝejon la unua eklevas sian ĉapelon. La alia demandas: „Kial vi levis vian ĉapelon? ... „Mi humile riverencis antaŭ nia Dio" — respondis la unua ... Preterpasante la hebrean preĝejon la katolika infano denove levas sian ĉapelon. Lia amiko ekmiras: „Kial vi levis la ĉapelon? Tio estas nia preĝejo." Kun milda riproĉo respondis la demandito: „Ĉu ne la saman Dion oni adoras ankaŭ en tiu ĉi preĝejo?"

— — — — — — — — — — — —

Foje miliardulo, post lukulus'a regalo, renkontis malriĉulon. Li estis hontema almozpetanto kaj ne kuraĝis etendi la manon al la preterpasantoj, sed lia mieno esprimis la lastan gradon de la malespero. La plensata miliardulo komprenis la mutan helpkrion de la malsatanto kaj invitis lin al sia tablo ...

— — — — — — — — — — — —

Estis iam du amikoj. Ili, kvazaŭ fratoj, amis unu la alian, sed la milito disigis ilin. La unua fariĝis fama generalo, la alia kaŝis sin de la militaj danĝeroj ... „Kia honto! Malkuraĝulo, vi timas oferi vian aĉan vivon por la patrujo!" — diris la unua kaj kun malgaja koro iris batali por la patrujo. Sur la batalkampo lin trafis kuglo ... Lia amiko multe ploris pro lia pereo, sed li ne iris al la batalkampo por sekvi la heroan ekzemplon. Oni mokis, insultis lin kaj nomis lin perfidulo, sed li senvorte toleris ĉion ... La milito finiĝis kaj larmoj, suferoj sekvis ĉion. La tuta lando baraktis en malespero. Li, kiun la homoj evitis ĝis nun, savis la malfeliĉan popolon per siaj planoj kaj geniaj eltrovaĵoj kaj la eminentuloj de la lando preparis grandan festenon por lia honorigo, sed li rifuzis ĉiun ceremonion, dirante: „Mia neforgesebla amiko mortis por la patrujo kaj mi kuraĝis nur vivi por la sama lando. Ni ambaŭ faris niajn devojn, kiuj ne meritas apartan dankon."

— — — — — — — — — — — —

Mi faris ankoraŭ kelkajn fabelojn kaj hodiaŭ, dum la promenado, mi rakontis ilin al knabeto, kiun ĉiutage mi renkontas en la parko ĉe la marbordo. Li atente aŭskultis, sed, kiam mi finis la fabelojn, li rimarkis kun infana mokemo: „Mia fraŭlino konas pli belajn fabelojn. Ĉu ne, fraŭlino?"

La blonda, bluokula junulino kapjesis ... „Fraŭlino, fabelu ion ... nu, mi petas, fabelu ion!" — petegis la knabeto kaj la junulino rakontis la fabelon pri la *submara palaco* ... La malgranda homo dancis kaj aplaŭdis pro ĝojo kaj triumfajn rigardojn ĵetis al mi. Mi komprenis: oni nepre devas mensogi al la infanoj.

*B . . . e 28. VI. 1921.*

Mi ne scias kial, sed la voĉo de la blonda junulino penetris en mian koron ... Ŝiaj okuloj estas similaj al la maro, ŝiaj lipoj al la koralo kaj ŝiaj manoj al la ŝaŭmo blanka de ondoj ...

*B . . . e 6. VII. 1921.*

Morgaŭ ni hejmenveturos ... Strange, tiu ĉi forveturo tre incitas min. La disiĝo de la maro tuŝas min malagrable. Ankaŭ tiu penso, ke mi vidos ŝin neniam ... Mi ne povas forgesi la hieraŭan tagon ... Ni renkontiĝis ĉe nia kutima benketo sur la marbordo. Ŝi estis tre silenta kaj ankaŭ mi ne povis komenci interparoladon. Kvazaŭ senkonscie mi prenis ŝian maneton per ambaŭ manoj kaj karesadis ĝin. Ŝi ne protestis, nur kelkfoje mi sentis, ke la eta mano ektremis en la mia ... Mi levis mian rigardon al ŝia vizaĝo kaj mi vidis du larmantajn okulojn ... Ŝiaj okuloj larmis, sed sur la ĉerizaj lipoj flirtis anĝela rideto ... Kial?

La larmoj kaj tiu rideto estis tiel kortuŝaj, ke igis min kisi ŝian maneton. Ŝi ne protestis, sed la larmoj el ŝiaj okuloj falis, kaj mi subite — mi mem ne scias kial — salte leviĝis kaj kuris



M. KLEIN: GLADIATORO EN ROMA CIRKO

hejmen . . . Kial? Ho, kial?! . . . Dum la tuta vojo mi vidis antaŭ mi du larmantajn bluajn okulojn kaj ridetantan buŝeton.

Posttagmeze la varmego estis netolerebla kaj mi, por refreŝigi min, rifuĝis en la apudan preĝejon. Tie estas agrable malvarmete . . . Mi ne rememoras, kiam mi estis lastafoje en preĝejo, sed mi scias ke tiam la haroj de mia patrineto ankoraŭ ne estis grizaj kaj mia animo ne baraktis . . . La senhoma silento de la navo, la rigidaj sanktaj figuroj, la piecon kaj suferojn montrantaj ikonoj tiel riproĉe, sed kun komprena pardonemo, impresis min, ke kontraŭvole mi proksimiĝis piedpinte al la flanka altaro por provi preĝadon . . . Preĝi estas tre malfacile, se oni forgesis la vortojn de infanjaraj instruoj. Tamen mi sentis la neceson de la preĝado . . . Mi haltis ĉe altaro, kies bildo montris Kriston kun flamanta kaj sanganta koro . . . Longe mi rigardis la bildon. La preĝo mutiĝis sur miaj lipoj, sed mia animo plenpleniĝis je admiro . . . Mallaŭta ploro rompis la solenan silenton. Nur nun mi rimarkis, ke virino genuas sur la ŝtupo de la altaro. Ŝi ploris mallaŭte kaj preĝis. Unuafoje en la vivo mi sentis envion. Mi enviis ŝian preĝadon kaj la sincerajn larmojn. Se mi povus nur unufoje pie preĝi kaj longdaŭre plori, tiam — mi antaŭsentas — miaj turmentoj finiĝus . . .

Tiu ĉi penso tiel okupis min, ke mi tute forgesis pri la virino, pri la loko, kie mi estas, pri ĉio, kio estis antaŭe kaj kun petega rigardo mi fiksis miajn okulojn al la bildo de Kristo. Strange . . . La koloroj viviĝis, liaj lipoj malfermiĝis je muta parolo, kiun mi komprenis kaj lia antaŭenetendita mano ekmoviĝis. Li vokis min al la altaro kaj mi kontraŭvole genuis sur la ŝtupon.

— Filo de Dio, Kristo . . . — ĝeme forlasis la vortoj miajn lipojn, sed mi ne povis daŭrigi la preĝon . . . ne povis . . . ne povis . . . Kvazaŭ fizikajn dolorojn mi sentis pro mia senpoveco kaj ĝi turmentis min ĉiam pli kaj pli, ĝis fine larmoj aperis en miaj okuloj kaj mi — laŭte ekploris . . .

La virino sin turnis al mi kaj mi sentis veluran tuŝon de maneto sur mia inerte pendanta mano.

— Ne ploru! — milde konsolis min ŝia voĉo kaj mi rekonis *ŝin*. Mi rekonis ŝin, kies voĉo jam de longe penetris en mian koron; ŝin, kies okuloj similas al la koralo kaj manoj al la ŝaŭmo blanka de ondoj . . . kaj mi devas morgaŭ hejmenveturi . . . Mi devas . . . Mi devas . . .

*W . . . 18. VII. 1921.*

Depost unu semajno ni estas hejme. Ĉiutage mi iras al la stacidomo por rigardi la preterpasantajn vagonarojn. Ili haltas por momentoj, salutas unu la alian kaj denove kuras for al kontraŭaj direktoj . . . Ili kuras for kiel la vivo mem. Ĉu ili trovos ie ripozon? Ni renkontis nin kiel la vagonaroj ĉe la stacidomo . . .

*W . . . 20. VII. 1921.*

Hodiaŭ forveturis la viro, kiu kvin semajnojn turmentis min per sia ĉeesto . . . Kvazaŭ miaj nervoj estus liberiĝintaj en la momento, kiam la vagonaro malaperis en la tunelon ĉe la monto. Mi ne devas toleri plu lian rigardon, kiu multfoje katenis min kaj faris min preskaŭ senkonscia estaĵo . . . Post lia foriro mia patrino ŝajnis esti iom maltrankvila . . .

*W... 21. VII. 1921.*

Mi sonĝis. Tri sunojn mi vidis sur la ĉielo. Unu estis ĉe oriento, la alia ĉe okcidento kaj la tria brilis super mia kapo . . . La du flankaj sunoj proksimiĝis al la meza kaj atinginte ĝin ili kunfandiĝis . . . Blindiga brilo superŝutis ĉion kaj mi rimarkis, ke sur la tero estas densa mallumo . . . Nekontraŭstarebla sento igis min flugi al la suno kaj mi ekflugis . . .

Mi forlasis la teron kaj dum mia malproksimiĝo mi vidis ĝin konsumiĝi en ruĝa lumo . . . en ruĝa lumo, kiel la homa sango . . . Mi atingis la sunon kaj de tie rerigardis al la regno de la mallumeco, sed mi tute ne povis vidi la teron . . . Ĝi malaperis kaj anstataŭ ĝi mi vidis atoman palan punkton . . . Kiel malgranda estas la tero en la universo kaj kiel nemezureble granda estas la sufero sur ĝi!

Mi rigardis min mem kaj konstatis, ke mi estas nevidebla, ĉar mian korpon mi lasis sur la tero . . . Senfina malĝojo regis min kaj forlasinte la sunon mi ekflugis reen al la tero . . .

Dum mia flugado la tero ĉiam pli kaj pli kreskis, sed tio, kio vekis admiron en mi, estis, ke super ĝi mirakle lumis la homa genio. Mi miris pri la gigantaj kreaĵoj de la homoj kaj mi vidis la homojn pli grandaj ol la tuta universo, sed nur — por momentoj, ĉar alveninte sur la teron mi ne trovis eĉ unu homon. . . La homo vivas do en siaj kreajoj, sed li perdas sin en siaj sentoj . . .

Mi sonĝis tion ĉi, sed ne dum dormo . . . Mi sonĝis tion ĉi per la sentoj dum la sinpereado . . .

*W . . . 23. VII. 1921.*

Pri nenio mi rememoras kaj vane mi penadas aperigi antaŭ mi la okazintaĵojn . . . Pri nenio mi rememoras . . . Oni diras, ke mi ĵetis min de la roko al la profundegaĵo kaj mi estus nepre mortinta, se iu elstaranta arbetaĵo ne savas mian vivon . . . Pri nenio mi rememoras . . . pri nenio . . . Terure! . . .

*W . . . 26. VII. 1921.*

Hodiaŭ mi staris ĉe la malfermita fenestro. Miaj vundoj akre doloris. Kelkfoje mi eĉ laŭte veis . . . Mia patrino estas konstante ĉe mi . . . Eĉ nun, kiam



PIETERS EVERT: LA VEKIĜO DE INFANETO

mi skribas ĉi tiujn kelkajn liniojn . . . Ŝi zorgplene, kun larmoj en okuloj kaj kun anĝela rideto sur la lipoj observas mian mienon . . . Kun larmoj en la okuloj kaj kun anĝela . . . Larmoj kaj rideto . . . Jes, jes . . . Mi rememoras . . . Ŝi, la blonda junulino . . . sur la marbordo . . . en la preĝejo . . . Ne ploru! . . . Ne ploru! . . . Nun mi aŭdas klare ŝian voĉon . . . Kiam mi vidis ŝin lastfoje? Kiam!? . . . Mi ne scias. Mi ne povas rememori? . . . Sed mi vidis ŝin ie . . . ie, kie ne estas maro . . . Mi vidis ŝin ie. kiam ŝi venis al mi kun disetenditaj brakoj kaj vokis min . . . Kiel spirita ŝi ŝajnis esti . . . Kaj ŝi vokis min . . . kaj mi volis sekvi ŝin . . . kaj tiam . . . tiam . . . ah! . . . Nun mi rememoras . . . Ĉe la roko . . .

*W . . . 5. VIII. 1921.*

La rosoj sur la herboj estas larmoj de Dio kaj la homoj per malpuraj nudaj piedoj paŝadas sur ili . . . Neniam mi paŝos sur rosplenajn herbojn . . .

*W . . . 1921.*

Kia dato? . . . Ne grave! . . . La terura homo denove aperis kaj . . . kaj . . . mi ne scias . . . kion mi volis skribi? . . . Kvazaŭ iu estus martelinta erkojnon en mian kapon . . . Jes! . . . Mi scias jam . . . La terura homo . . . eh . . . mi forgesis denove . . .

*W . . .*

Fine mi estas sola . . . Mia patrino kaj tiu terura homo estas en la alia ĉambro. Mi aŭdas ilian parolon . . . Ĝi ŝajnas eĥo de pasinteco . . . Ĉe mia flanko staras — ŝi kaj unu flamantkora viro. La koro sangas . . . Mi vidis lin foje, kiam li vokis min, sed kie? . . . Mi ne rememoras . . . Kial li venis nun al mi? . . Kial? . . . La ferkojno en mia kapo nun pikas la cerbon . . . Ĝi nun pikas kaj poste kirlos ĝin . . . Tiu terura homo martelis la kojnon en mian kapon . . . He . . . ci . . . ci, viro kun sanganta koro, ĉu ankaŭ vin turmentis tiu ĉi homo? . . . Ĉu li martelis kojnojn en cian koron kaj pro tio ĝi sangas . . . Venu al mi por aŭskulti la kantadon de tiu blonda junulino . . . Ŝi kantas bele . . . Aŭskultu! . . . Ne ploru, ne ploru, ne ploru . . . Ŝia kanto muĝas kiel la maro dum senstela nokto . . . Ŝia kanto zumas . . . muĝas . . . siblas . . . susuras . . . Ve! . . . La kojno kirlas . . .

*W . . .*

Foje estis iu, kiu perdis sin . . , Kiu estis foje, tiu perdis sin . . . Perdis sin iu, kiu foje estis . . . Hahaha! . . . Kiel ridegas la vortoj . . . Kantas la silento . . .

*W . . .*

La kojno penetriĝis ĝis fundo de la kranio . . . kaj . . . Mi ne rememoras pri via nomo, grizhara virino . . . grizhara . . . Ne ploru, ne ploru, ne ploru . . . Ĝi kirlas kaj . . . kirlas . . . kojno kirlas . . . mi estas laca . . .

*W . . .*

Ŝi . . . ŝi . . . eh! . . . kantas la silento . . . Mi he . . . eh! . . . Jes . . . jes . . . ĉe la roko . . . al la roko . . . al . . . al . . . al la roko . . .

JULIO BAGHY

# ESPERANTAJ PROVERBOJ

PETRO STOJAN

Pli valoras propra ovo ol najbara bovo.

Multonhava estas nepre prava.

Kiu ne spertis malriĉon, tiu ne konas feliĉon.

Homo projektas, Dio direktas.

Leĝo estas rekta, sed la juĝo — difekta.

Vivo avara — vivo malkara.

Ĉu lakeo, ĉu la caro, — ambaŭ kuŝos en tombaro.

Riĉulo grimacas dum bonulo kore donacas.

Por Dio estas egalaj ĉiuj rangoj socialaj.

Por ĉia fingro estas deca ringo.

Despoto dronas, al ĉiuj pardonas.

Por vojaĝo necesas kuraĝo.

Mortanto lasas tutan oron, sed kunportas kortrezoron.

En la maro rulas ondo, famo iras tra la mondo.

Guto en maro, homo en homaro.

Eterne daŭras paco, ĝis la unua minaco.

Leporon timas rano, leporon timigas la kano.

Favora permeso — duona sukceso.

# ESPERANTA LIRO

## KANZONETO DE DEZIRO

JAN VAN SCHOOR

Mi dezirus morti nun
meze de tulipoj,
inter viaj brakoj, kun
kiso sur la lipoj.

Min timigas, amatin',
mond-tumulta muĝo,
prenu min al via sin',
jen por mi rifuĝo!

Nutras, kiel la mana',
via am' en ravo —
sen vi en dezerto ja
vagas mi sen savo.

Por ke mi en am-ebri'
ĉion ja forgesu,
sorĉu min per iluzi',
dolĉe min karesu . . .

Inter viaj brakoj, kun
kiso sur la lipoj,
mi dezirus morti nun
meze de tulipoj . . .

## BENKANTO

RUDOLFO EICHENBAUM

Estu benata, animo virina,
Ĉarmojn mirindajn havanta.
Estu benata, animo virina,
Per dolĉo la mondon ravanta.

Tero vin benu per floraj koloroj
Kaj per radioj la suno!
Vento vin benu per dolĉaj odoroj,
Per nasko de sonĝoj la luno!

## FUGITIVO

M. SOLOVJEV

La samaj estas suno, maro, floro . . .
Sed jam forestas viva energio,
Dolor' netera — en malsana koro,
Kaj estas en okuloj nostalgio.

Simile, iu flor' el land' tropika
Aeron fremdan tute ne elportas
Kaj malgraŭ akvo, varm' kaj sun' efika
En luksa vazo velkas, ĝis finmortas.

## LA ETERNA KANTO

ENDRE HEVESI

En noktmallum'
Dum pluva zum'
Pri la estintaj tempoj
Mi dronis en medit' . . .

Tra val' kaj mont'
El sanga font'
Kun pala vang' rigida
Sin levis mortigit' . . .

Kun spasma tim'
En la anim'
Estontajn tempojn vidis
Mi super sanga kot' . . .

Tra val' kaj mont'
El sanga font'
Kun pala vang' rigida
Sin levis mortigot' . . .



# DUM VINTRA PLUV'...

**FLANDRA KANTO**



# DUM VINTRA PLUV'...

FLANDRA KANTO

Dum vintra pluv', sur vojo,
Sur marĉe kota ter', ja ter',
Ekiras fiskaptisto
Por fiŝi al river'
Kun sia pako, kun sia sako,
Kun stang' el kano en sia mano,
Kun sia leda, hej-trallala-heda,
Kun sia leda botopar'.

La muelistineto
Ekstaris ĉe la pord', ja pord',
Ke preter ŝi li devu
Tramarŝi al la bord'
Kun sia pako, kun sia sako,
Kun stang' el kano en sia mano,
Kun sia leda, hej-trallala-heda,
Kun sia leda botopar'.

„Ĉu ŝuldas mi pro pekoj,
Aŭ pro malbona far', ja far',
Ke preter vi ne povas
Mi marŝi nun sen bar'
Kun mia pako, kun mia sako,
Kun stang' el kano en mia mano,
Kun mia leda, hej-trallala-heda,
Kun mia leda botopar'?"

„Malbonon vi ne faris,
Ne faris pekojn vi, ja vi,
Sed antaŭ ol foriri
Tuj donu kisojn tri
Kun via pako, kun via sako,
Kun stang' el kano en via mano,
Kun via leda, hej-trallala-heda,
Kun via leda botopar'!"

# ARBARO MIA, BEL-ARBAR'...*

LJUBEN KARAVELOV

Arbaro, mia bel-arbar'!
Odoras junon vi
Kaj tamen per vi dronas kor'
Nur en melankoli'.

Se iu vidis foje vin,
Bedaŭros kun dolor',
Ke li sub via milda ombr'
Ne povos morti for.

Kaj kiun jam forlasi vin
Devigis lia sort',
Ne povos li forgesi vin,
Vin solan, ĝis la mort'.

Arbaro, mia bel-arbar'!
Odoras junon vi
Kaj tamen per vi dronas kor'
Nur en melankoli'.

La fagoj kaj la kverkoj kaj
La densa branĉo-ret',
La floroj kaj la akvoj kaj
Ŝafidoj en trupet'

Kaj malvarmet' kaj verda herb'
Kaj peonia flor':
Ho, ĉio, kvazaŭ kuglo, jen
Frapiĝas al la kor'.

Al koro, kiu ĉiam ja
Ekplori povas nur
Vidante ke per fluga temp'
Noviĝas la natur'.

Ke kuras for de l' maljunec'
Printemp' sen pacienc'
Kaj vibras jam sub neĝ' kaj frost'
La nova viv-komenc'.

Arbaro mia, bel-arbar'!
Odoras junon vi
Kaj tamen per vi dronas kor'
Nur en melankoli'.

* Melodio publikigita en la 6-a numero.

## NIAJ EMINENTULOJ



JOHN MERCHANT
Prezidanto de Brita Esp. Asocio
Prezidinto de la „Venezia konferenco"

## MONDLITERATURA OBSERVO

ELIN-PELIN (literatura pseŭdonimo de Dimitar Ivanov) estas la plej populara nuntempa bulgara verkisto, kies 25-jara literatura agado estis festita la pasintan jaron en tuta Bulgario. Li donis al la bulgara literaturo beletristikaĵojn plenajn je freŝeco kaj naturbeleco, pentrantajn plejparte kamparanan vivon. Lia amata formo estas la mallonga rakonto, la facila skizo. Liaj rakontoj, dissemitaj en diversaj gazetoj, eldonitaj en kelkaj apartaj kolektoj, estas veraj bildetoj, deŝiritaj de l' kampa naturo. Li pentras apartajn scenojn, sorbitajn jen per iu ĝoja sento, jen per malĝojo, jen per pezaj familiaj aŭ societaj zorgoj. La bonaj, plaĉaj flankoj de liaj rakontoj kaj versaĵoj (plej ofte plenhumoraj, en vilaĝa dialekto) estas la simpleco, poeteco, senpereco kaj varmsento kaj la profunda simpatio de l' aŭtoro, per kiu ili estas penetritaj. Konata bulgara kritikisto skribas, ke Elin-Pelin estas talento mezurinda per okcidenteŭropa skalo kaj estas fiero de l' bulgara poezio. Preskaŭ li sola el la nuntempaj bulgaraj verkistoj perdus nenion de sia signifo, se li estus tradukita en fremdajn lingvojn. En la Leipzig'a universitato estas speciala kurso pri liaj rakontoj. Baldaŭ aperos ĉe Ellersiek & Borel, Berlin, de li en Esperanto „Elektitaj prozversaĵoj kaj rakontoj", tradukitaj de l' subskribinto. *Iv. H. Kr-off.*

LJUBEN KARAVELOV, la konata bulgara verkisto, naskiĝis en la subbalkana urbeto Koprivŝtica, en 1837, mortis en 1879. La duan parton de sia maltrankvila vivo li pasigis kiel politika aganto en Moskvo, Belgrado, Novi-Sad, Budapeŝto kaj Bukureŝto. Unue li predikis, ke „rajtoj estas akireblaj nur per armilo; popolo, kiu apogas sin sur alia, ne povas kaj ne devas ekzisti" kaj luktis por Balkana federacio. Sed depost 1874. li ŝanĝis tiun ĉi opinion kaj sin dediĉis al pure sciencliteratura laboro, predikante, ke „la scio estas forto; oni nur tiam povas, kiam oni scias" kaj luktis por popoleduko. Li redaktis kelkajn gazetojn, en kiuj li, krom la belaj politikaj kaj sciencaj artikoloj, presigis multajn el siaj versaĵoj kaj noveloj.
Karavelov ne estas poeto, sed publicisto kaj beletristo. Liaj social-politikaj vidpunktoj aperas ne nur en liaj gazetoj, sed ankaŭ en liaj versaĵoj kaj noveloj. Lia poezio estas speciala: nenian atenton li donas al la ekstera formo, sed la tutan nur al la enhavo, al la ideo. Ordinare liaj versaĵoj konsistas el kvar strofoj kaj plej ofte rimas la dua kaj kvara verso. Laŭ karaktero ili estas ribelaj, socialaj, politikaj kaj didaktaj — ĉie satira stampo. La plej bela kaj sola lirika versaĵo de L. K. estas „Bela vi arbaro mia . . .", kies muziko aperis en la antaŭa n-ro kaj teksto en la nuna. Ĝi estas konata de la tuta popolo bulgara kaj kantata kiel popolkanto. En ĉiuj liaj versaĵoj blovas sento de malĝojo, melankolio, kiu karesas kaj ebriigas la animon de la leganto.
L. K. havas tre grandan signifon en la bulgara literaturo. Kune kun Rakovski kaj Slavejkov, li donis la direkton, la tonon al la moderna literaturo en Bulgario. Li estas la vera fondinto de la bulgara novelo, li helpis tre multe por la glateco kaj reguleco de la nuna bulgara lingvo, kies ortografion li metis sur fonetikan bazon. Oni povas senŝancele diri, ke laŭ lingvo kaj stilo neniu el la bulgaraj verkistoj povas esti komparata kun Karavelov. En lia stilo estas nenio nenatura, nenio perforta: ĝi estas simpla, klara, glata, plastika, kuraĝa. Liaj noveloj (ĉefe „Bulgaroj de malnova tempo") estas veraj perloj. Lia rakonto estas realista kaj per ĝi li semas liberecon — la plej belan el la semaĵoj — kaj ŝprucas malamon kontraŭ la turkaj kaj grekaj subpremantoj de la popolo bulgara kaj malestimon kontraŭ la bulgaraj ĉorbaĝioj (riĉuloj) vivantaj sur la dorso de l' popolo kaj tial ne zorgantaj ĝian liberecon. Liaj belaj priskriboj de moroj kaj kutimoj naciaj, liaj pitoreskaj priskriboj de Bulgario, liaj kortuŝaj priskriboj de la teruraj suferoj kaj de la penoj, kiujn la malfeliĉaj bulgaroj elportis sub la fremda jugo: politike sub la turkoj, religie sub la grekaj fanariotoj, neniam malnoviĝos. La plej belaj el liaj noveloj aperos baldaŭ en Esperanto.
La signifo de Karavelov kiel poeto, beletristo, publicisto, kritikisto, pedagogo estas granda. Liaj verkoj ĉiam okupos la plej gravajn paĝojn de la bulgara kultura kaj politika historio de antaŭ la liberigo.
*Iv. H. Kr-off.*

ZINAIDA GIPPIUS: VERSOJ. Taglibro 1911—1921. (eldonejo „Slovo", Berlin.) La nomo: de ŝatata, malnova rusa poetino. La jaroj: plej multsignifaj por Rusujo. Kun tremeto kaj korhaltiĝo mi malfermas la belan volumon. Kaj de la unuaj paĝoj, de la komenca ĉapitro „Ĉe la sojlo", mi estas kaptita, ensorĉita.
Ia nekomprenebla malkvieto, kiun la poetino sentas de la unuaj jaroj de la „Taglibro", estas sugestiata al mi kaj mi ĝin portas en la animo tra la tuta libro, eĉ dum la kolektado de ĝiaj gajkoloraj floroj. Kaj tiun antaŭsenton pravigas la lastaj jaroj de la „Taglibro" kiam la infera realaĵo elvokas abomenon, konfuzon de sentoj kaj . . . malpiajn preĝojn. La cirkonstancoj kaj naŭzesata vivo en Rusujo antaŭ la milito, la periodo, en kiu reĝis la herooj de Ĉeĥov kaj Averĉenko kaj la serĉantoj de nova vivo de L. Andrejev, plej bone estas karakterizitaj de Z. Gippius en la versaĵo: „Kaj kio poste?" Estante simbolisma kaj metafora, ĝi entenas tamen la naŭzon pri nia tera destino kaj teraj vantaĵoj kvazaŭ senespere ligas nin al tiu ĉi mondo. (Vidu la, versaĵon sur aparta paĝo.)
Ĝin sekvas la venenitaj strofoj pri la „fortodora

migdala floro — ciana acidaĵo" kiu fariĝis en la pasintaj antaŭmilitaj jaroj sola eliro el la malpeza atmosfero de vivo; pri la al ĉiuj kutima „Mensogo — filino de Diablo" kaj poste la gracia „Longtona kanto", verkita laŭ la siberiaj motivoj kun tre originala formo de ritmo kaj rimoj:

Kun *ti*"nt',
kun tint' katenoj br*u*"n vi,
En ĉ*e*"nojn falu la pasint'.
Al l*a*"nd',
al land ekzila m*a*"rŝu mi
Tra p*o*"lva, griza vojruband'... k. t. p.

Kiel perloj inkrustiĝas en la libron la bildoj de sunmatenaj Pirineoj kaj jen, denove, en la „Lukto", la poetino, per la emblemo de vivplena Tero kaj ĝia mortodezerta slatelito Luno, pentras la turmentan vivon de geamantoj, kiam la animo de unu el ili fariĝis jam dezerta, dum tiu de la alia ankoraŭ estas freŝa por la sentoj.

La „Knabino en griza vesto" aŭ la „Disiĝo" estas stilizita, tamen tipa popolkanto.

Tiel, estante ĉiam originala kaj delikata, sentante ĉiam la pulsobaton de l' vivo, Z. Gippius komencas la paĝojn de la 1914. jaro kaj tuj en ŝia poezio vekiĝas la virino, la vera kaj fakta suferantino pro la krimoj de viroj politikantaj kaj verŝantaj sangon. Kiel flama fariĝas ŝia preĝo al Dio Adonai, kiu sin transformis je Jehovah „kies punanta armilo kontraŭ homoj unuavice traboras la animon de patrinoj".

— Ho, Patro, Patro — vokas ŝi — kliniĝu favore al la Tero. Ĝi estas jam abunde saturita per la sango de Ciaj filoj. — Kun akra sarkasmo kaj kora doloro ŝi pentras la vivon en la tranĉeoj per la versaĵo „Nia Kristnasko".

Anstataŭ Kristnaska vaksa kandelo
Vagas lumgarboj de projekciaj lanternoj,
Pro glavoj en korpoj truiĝas kavernoj,
Anstataŭ Kristnaska vaksa kandelo.
Anstataŭ l' anĝela profeta promeso
Nur de propeler' malamika zumado,
Subtera, dolora de mort' atendado,
Anstataŭ anĝela profeta promeso.

Kaj, malbenante militon kun fera, vira decidemo, ŝi trovas en ĝi nenion sanktan, nek pravigan. Ŝi krias al la tuta mondo, al Dio mem en ŝia

SEN JUSTIGO.

Neniam mi paciĝos min,
Pravante en malbenoj,
Neniam cedos al inklin'
Por rustaj la katenoj.
Mi povus murdi. Propre mort'
Al mi ne portas timon.
Nur de justiga falsa vort'
Mi gardu la animon!
En lasta hor', en fajr', mallum',
La koro ektempestos:
Ne estas por milit' ĝi dum
Justigo kaj ne estos.
Kaj eĉ se estus vol' de Di'
Ĉi tiu sangbatalo,
Mi starus tiam kontraŭ Li
Kun ardo de rivalo.

Tiom ofte ŝi scias sekci homan batantan koron kaj enrigardi ĝin profunde. Poste per ŝiaj delikataj fingroj de sperta kirurgiistino ŝi denove kunkudras la sekcaĵon. Por fari tion oni bezonas ne nur talenton, sed ankaŭ animon kaj amon al homoj. Pro tiuj ecoj Gippius kune kun Anna Aĥmatova, M. Loĥvickaja kaj Ljubov Stolica formas tiun pruvitan grupon de poetinoj. kies virina influo estas profunde sentata en la moderna rusa poezio.

Ne nur rimoj, nek ritmo formas la kernon de versaĵo. Ekzistas en ĝi io interna, sendependa de rimoj kaj ritmo. Ŝi ofte prenas kelkajn sentencojn kaj ili nerimitaj sonas tamen per harmonia sono de poezio. Ekzemple en ŝia

HODIAŬ SUR LA TERO.

Ekzistas io tre malfacila,
Io la plej hontiga,
Preskaŭ neplenumebla
Kaj peza!:

Ĝi estas — levi la palpebrojn
Kaj ekrigardi en la vizaĝon de patrino
Kies filo jus estis mortigita.

Tamen ni ne parolu pri tio.

Kiam daŭris ankoraŭ la milito sed la aeron refreŝigis la unua rusa revolucio, tiam, ebrie de „Allons, enfants de la patrie", ŝi laŭdas la „junan marton" kiam „la suno kisas la neĝon" kaj „inter la blankaj abelojneĝeroj sin movas purpura standardo."

Kaj ŝi alvokas ĉiujn kuraĝe gardi la venintan liberon kaj alporti al ĝi sian fidelan ĵuron.

Sed nur unu verso restas en la „Taglibro" pri la tagoj de vera libero en Rusujo. Ĝi kvazaŭ simbolas maldaŭran venenan kison, bruligintan la virgan celadon de la popolo, post kio komenciĝos la periodo sen nomo, sen simboloj, sen ĝoja espero. Nenian titolon portas la ĉapitro de versoj post la oktobro de 1917-a jaro. Nur granda nigra kruco funebre komencas ĝin. Ni ankaŭ ne tuŝu la freŝan, dolorantan vundon de la granda malfeliĉa popolo. Kvazaŭ patrina ploro, korŝirante tiklas la rimoj de funebraj versoj, jen resonante ofte kiel malproksima alarma sonorilo, jen kiel sonorilo de enteriga vojo.

Forlasinte Rusujon en la 1920-a jaro, Z. Gippius nenion trovis por ŝia koro en la alilandaro tre malmulte atentema al fremdaj doloroj. Kaj efektive, ĉu oni povao kompreni la tutan malfeliĉon de tiuj rusoj, kiuj ne prs unu sola elmigra forveturo el patrujo, sed en *sia animo* perdis tiun patrujon eble por ĉiam?

Vane la poetino elvokas sian amon al homoj, vane ŝi preĝas — ĉio kadukiĝis, forfluas, kiel ondoj de defluanta tajdo. Tion ŝi bele elmontras en la versoj skribitaj en Wiesbaden, en septembro de 1921. sub la titolo:

ĈE LA FONTO.

En flu',
En flu'
Rapidu akv' fontana.
Ho, plu
Kaj plu
Min gvidu preĝ' spontana.

Detru',
Detru'
En mia preĝ' malpia.
Kun bru',
Kun bru'
Plaŭdadas ond' glacia . . .

La rimoj de la lastaj kantoj formortas facilaj, neĉitieaj. La sonoj de delikataj versoj, elturmentinte per puriga konfeso la animon, forflugas kiel fumo de timiano. Ĉu ili ne estas la oferfumo de la biblia Abelo?... Ĉu ili ne tuŝos la koron de lu, kiu sola — „en koro egala ĉiujn nin sentas"? *N. H—v.*

## B I N O K L O

LORD CARNARVON †. Homoj mortas, legendoj ekiras.

Mi vidas per miaj anim-okuloj:

Ie en la Sahara-dezerto, dum seka nigra nokto, en indiĝenaj tendoj fabelo naskiĝas. Pri malpia fremdulo, kiu venis de transmara lando malkvietigi la ripozon trimiljaran de l' faraonoj.

Sed Osiris, Dio de Mortlando gardis ilin.

Ho, Osiris, Dio plej forta!

Kaj mortis la malpia fremdulo, sed Osiris vivas eterne . . .

Tiel naskiĝas la legendoj . . .

Silento sidas sur la Sahara-dezerto . . . Nur venena muŝo flugadas.

Ĝi portas la morton.

Eble ĝi estas Osiris mem.

Homoj mortas, legendoj ekiras.

Ripozon pacan al la mortintoj . . . *Es Ploranto.*

AVERTO. Al verkistoj, kiuj avide pintigas kaj medite maĉas sian krajonon por helpi sian sen-temecon per la mistera historio de la kompatinda Lord Carnarvon, mi diras malĝojan sciigon: ili malfruis. La temo jam ne estas nova, oni jam eluzis ĝin — antaŭ tridek jaroj. Paul Lindaŭ la konata germana verkisto havas longan novelon kies titolo estas „La reĝo de Sidon". En ĝi temas pri kuraĝa kaj pasia esploristo nomata Andreas Möller kiu post longa serĉado fine trovas la jarmilan kripton de la siriaj reĝoj. Li staras antaŭ la sarkofago de la reĝo de Sidon, antaŭ li kuŝas la mumio de la reĝo. Sed sur la sarkofago li deĉifras atentigan kaj avertan surskribon, ke, volante vivi sian vivon en paco kaj trankvilo, neniu tuŝu la tegilon de la ĉerko. Pezaj minacoj kaj pezaj malbenoj finas la surskribon. Nature la pasian esploriston ne povas timigi ĉi tiu averto, per aŭdacaj manoj li malfermas la tombon de la iama reĝanto, sed poste, pro la infera varmego kaj pro la grandegaj fortostreĉoj li grave malsaniĝas, kaj pereas tute konforme al la minacoj, kiujn li deĉifris el la epitafio.

Kaj nun oni povas mediti pri tio, ke Wilde estis prava, dirante ke la reala vivo imitas la elpensaĵojn de la arto.

Aŭ oni povas mediti pri tio, ke Akiba estis prava dirante: nenio nova sub suno.

Jen! Temoj nepre ne ekzistas novaj.

VERBA VOLANT? Vortoj forflugas, skribo restas, diras la latina proverbo. Kaj nun mi legas pri eltrovaĵo kiu refutas ĉi tiun proverbon. Imagu, oni eltrovis la poŝfonografon!

La aparato estas tiel granda, kiel horloĝo, ĝia voĉo estas sufiĉe forta por plenigi ĉambron. Kaj nun venas la danĝero — ĝi estas taŭga ne nur por reprodukto, sed ankaŭ por fiksado de muziko, de parolo. La vortoj ne flugas plu!

Don Juan' oj atentu! Viaj edzinig-promesoj flustrataj en dolĉa duopa solo kun la plej honesta falsintenco, estas eble jam eternigitaj en la retikulo de la naiva knabineto.

Politikistoj atentu! Gardu vin, eĉ inter kvar okuloj, pri senpripensaj vortoj, ĉar ili eble eksonos sur la tablo de la parlamentejo kaj diros ĝuste la malsamon de via ĵusa parolado!

Terura tekniko! Ĝi fine eĉ devigas la homojn ke ili estu honestaj, aŭ — ke ili ankoraŭ pli zorge kaŝu sian animon. *Monto de Vido.*

FRAŬLINO DANCIS DU TAGOJN. Mi opiniis ĝis nun, ke Hannibal kaj Napoleon estas la plej grandaj herooj, Stephenson kaj Edison la plej heroaj eltrovistoj, Dante kaj Shakespeare la plej eltrovintaj poetoj, Darwin kaj Einstein la plej poetaj sciencistoj, Casanova kaj Bocaccio la plej sciencaj vivartistoj.

Sed ĉi tiun mian kredon neniigis angla fraŭlino. Miss Alma Cunnings estas ŝia nomo. (Mi notas la nomon por kandidatigi al la Nobel-premio.)

Tiu ĉi fraŭlino estas la plej heroa, eltrovanta, poeta kaj scienca vivartistino.

Tiu ĉi fraŭlino, ho, kara mia, kreis la novan mondrekordon de — ne de vaporŝiprapideco aŭ senmotora aviado aŭ vetkuro Marathona — sed de la dancado.

Ŝi dancis kvindek horojn!

Ho, mia Dio!

Dum kvindek horoj kvindekmil homoj mortis en la mondmilito, dum kvindek horoj kvinmil malsatantaj infanoj mortas ie en Rusio, dum kvindek horoj . . . povas aliformiĝi la tuta mondo.

Sed Miss Alma Cunnings dancis kvindek horojn. Ŝi havis dum du tagoj kaj du horoj kapturnon, dolĉan kapturnon, dum kiu oni pli bele vidas la mondon kaj la vivon.

Kiel feliĉa vi povis esti Miss Alma Cunnings, ho mia kara.

Feliĉaj estas la dancantoj.

Mi envie salutas vin Miss Alma.

LI BALBUTAS . . . Li, sinjoro alt- aŭ malaltkreska juna aŭ maljuna, sed certe seriozvizaĝa, estas esperantisto. Bona afero — sed ne tre. Ĉar la sinjoro ankaŭ partoprenas esperantajn kongresojn. Pli bona afero — sed ne tre. Ĉar la sinjoro tie ankaŭ parolas Esperante. Tute malbona afero — sed tre.

Ĉar la sinjoro ne parolas Esperanton, li nur b a l b u t a s ĝin, sed tion li faras tute flue.

Sur la aŭdantara dorso ŝvito fluas: ne-esperantistaj eminentuloj ĉeestas. Oni diras kaj dokumentas, ke post tri-monata studado oni povas *paroli* Esperante. Li, la sinjoro seriozvizaĝa, diras en sia paroladego: mi estas jam depost dekdu jaroj, kvar monatoj, du tagoj kaj tri horoj esperantisto kaj kiam mi finos mian paroladeton, mi estos kvin horojn pli maljuna samideano.

Ĉi tion li diras — pardonu, malbone mi esprimis min — ĉi tion li balbutas. — La neesperantisto miras: li ja depost dekdu jaroj lernas kaj . . . vi povas aŭdi mem.

Jes, mi aŭdis mem. Malbona afero — sed tre.

Do, karaj parolemuloj, mi amas vin, mi amegas vin, mi aŭskultas vin volonte kaj volupte kvin horojn, ses tagojn, nur ne *balbutu* Esperante . . .

Iu neesperantisto eĉ povus pensi, ke Esperanto estas la internacia lingvo de — balbutuloj.

Se Esperante vi povas nur balbuti, faru al viaj homfratoj la plezuron: ne parolu Esperante dum niaj demonstraciajn kunvenoj. Per tio vi donos pli grandan sukceson al niaj kongresoj.

Aŭ se vi tamen volas oratori, do lernu fine *p a r o l i* Esperante. Per tio vi donos la plej grandan sukceson al niaj kongresoj.

La tempo de la universala kongreso rapide venas. Atentu!

Lernu Esperante! Aŭ lernu — silenti! *Es Ploranto.*

---

En la Mondliteratura Observo de la 2. (5.) numero, pĝ. 38., kolono 2., linio 13., aldonu post la vorto „valizon":

„kun nutraĵoj, la miliardulo paperujon kun . . ."

**ĴUS APERIS!**



JULIO BAGHY

# PRETER LA VIVO

1923

ELDONO DE "LITERATURA MONDO"

BUDAPEST

**MENDU TUJ!**



ALEKSANDRO PETŐFI

# JOHANO LA BRAVA

EL LA HUNGARA ORIGINALO:

K. DE KALOCSAY

*

1923

BUDAPEST

ELDONO DE »LITERATURA MONDO«

**Prezoj:** Simpla, sed bela eldono: **sv. fr. 1.—** Luksa eldono: *Preter la Vivo,* kun portreto kaj aŭtogramo de l' aŭtoro; *Johano la Brava,* kun koloraj ilustraĵoj: **sv. fr. 2.—** Numeritaj ekzempleroj, bindite **sv. fr. 5.**

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró.